BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam
Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam

## NIA INFLUO EN LA SINDIKATOJ

*En la ĉiusemajna gazeto de la Generala Sindikato por nederlandaj fervojistoj, ĝia ĉefestrarano S-ro F.de Jong aperigis jenan artikolon, sub la titolo:*

### ESPERANTO

En unu el niaj antaŭaj gazetoj ni sciigis, ke la 13an kaj 14an de septembro la fervojistaj esperantistoj, unuigitaj en FERN, festos sian unuan lustrumon.
Ni havis la plezuron ĉeesti parton de ĉi-tiu festo kaj de la al ĝi ligita kongreso Por interesataj anoj sekvas ĉisube konciza raporto pri la kongreso, okazinta la 14an de septembro en nia Sindikata Hejmo.

La prezidanto de FERN, S-ro Labordus, malfermis la kunvenon kaj bonvenigis ĉiujn ĉeestantojn.Speciale bonvenaj li nomas la reprezentantojn de la sindikatoj, de la frataj organizoj, kaj la eksterlandajn gastojn.Li dankas por la perflora komplimentado,kaj esperas pri fruktedona kongreso.
Post la malferma parolado parolis la oficialaj reprezentantoj en- kaj eksterlandaj.La plej bonaj deziroj por FERN akompanis la gratulojn de ĉiuj parolantoj.
Ĉiuj laŭdis la kabaredan programon de la antaŭa vespero. La diversaj punktoj de la tagordo glate sekvis unu la alian; la diskutoj okazis en rapida sinsekvo.
Malgraŭ la internacia societo, neniu prolingva miskompreno istis rimarkata.
Oni laŭdis la agrablan rilaton kun *S & O* la sekcio fervaja por sporto kaj distro.
Dum la libera diskutado surtabliĝis propono por okazigi ankaŭ la lustrumon de IFEF en Utrecht. Tiun sugeston kaŭzis la fakto ke la FERN-lustrumo estis tiom sukcesplena.La estraro akceptis la proponon, kondiĉe ke la fervoja direkcio bonvolos doni gravan subtenon, moralan kaj materian.
Se la direkcio donos promesojn tiusencajn, tiam Utrecht volonte invitos la IFEF-kongreson por 1953.
Emfaze oni petis al ĉiu ĉeestanto fari sian eblon por ke estu bonege vizitataj la en oktobro komenciĝantaj elementaj kursoj.
Sinjoro G.G.van Veldhuizen Cremerstraat 166 estas ĉiam preta doni ĉiajn informojn.

*Ni transprenis ĉi tiun raporton, parte ĉar ĝi enhavas ian kaŝitan promeson por nia jubilea kongreso en 1953a, sed ne malpli por montri al niaj anoj, ke ankaŭ la sindikatoj pli kaj pli atentas kaj favoras nian movadon.*
*Tute kompreneble tamen estas, ke nenia sindikata gazeto malfermos sajn kolonojn favore al movado, kies anoj evitas la sindikaton.*
*Grava fakto estas ke ĝuste la sindikataj ĵurnaloj povas multe kontribui al la kresko de IFEF, nur pro tio ke ili penetras en la fervojistajn domojn.*
*Tial niaj anoj apliku sian influon en la sindikata movado por atingi,ke ties ĵurnaloj konvenokaze aperigu artikolojn aŭ raportojn favore al IFEF.*
*Ni mem fosu nian sulkon!*

### DANKESPRIMO

La sekretario de la L.K.K. dankas ĉiujn instancojn kaj personojn, kiuj sendis reprezentantojn aŭ salutleterojn al la unua lustrumo de FERN, okazinta la 13an kaj 14an de septembro en Utrecht.

### POST LA KONGRESO

Kiel vi scias, mi estas ano de IFEF de post la starigo, sed bedaŭrinde mi ne povis ĉeesti la du antaŭajn kongresojn,

tiel mia unua estis en Parizo ĉijare. Persone tre plaĉis al mi la aranĝoj, kaj mi deziras esprimi mian dankon al la L.K.K. por la agrabla tempo, pasigita en Parizo.
Estas tamen kelkaj punktoj, kiuj, laŭ mia opinio, povus plibonigi niajn kongresojn kaj mi skribas ĉi tiujn liniojn, esperante ke la redaktoro trovos spacon en la Bulteno por enpresigi ilin.

1. Ĉiu naciulo portu malgrandan duplikaton de la nacia flago aŭ alian insignon kiu montras de kiu lando li venas.
2. Ni estu certaj, ke ni uzu vortoj, kiuj estas akceptitaj de la Lingvo-komitato aŭ publikigitaj en la fakvortaro. (kio ekzemple estas aĉeturisto?)
3. Tre serioza punkto: Ni devas paroli ESPERANTON.

Eble ankaŭ mi kulpis, sed se homo ekalparolas vin en via propra lingvo, estas malfacile, jes eble malĝentile, ne respondi simile. Nia Federacio estas nomata Esperantista Fervojista, kaj ni devas memori tion. Se ni parolas kun kolego kaj ne bone komprenas lin, estu paciencaj, Sperto nin instruos.

Doktoro Lapenna diris: *Ni lernu paroli korekte*.

Tial ni serioze daŭrigu la studadon, por ke en ĉiu sekvanta kongreso oni povu konstati pli altan lingvonivelon.

Kelkaj personoj diros: *Kio pri niaj edz(in)oj aŭ amat(in)oj kiuj nin akompanos, kaj kiuj ankoraŭ ne estas esperantistoj?* Nu ĉiu esperantisto devas porti la verdan stelon, per kiu la interkonatiĝa vespero ankaŭ pliboniĝos.

Kompare kun aliaj kongresanoj, mi estas komencanto, sed plaĉos al mi fari ĉion eblan por certigi ke estontaj kongresoj estu kondukataj esperante.
Vivu Esperanto kaj ĝis revido en Germanio proksiman jaron.

C.S. Parry.

## POST LA KONGRESO

La Esperantistoj certe jam povas fieri pri la kongresoj de la fervojistoj kaj estus dezirinde, ke ankaŭ la fervojistoj fierus pri siaj Esperantistoj. Ĉu ili jam scias pri la graveco de niaj klopodoj pro la internacia trafiko ? Certe ne konvene. Ĉu kulpas klerigado, ĉu mankas intereso? Eĉ la sindikatoj ne konvene atentas nian laboron. Vane mi foliumis mian sindikatan ĵurnalon pro atentigo pri la Pariza Kongreso. Komence de marto mi povis legi en ĝi, ke en Parizo okazos ŝakturniro okaze de Esperanto-kongreso. La granda surskribo estis: *Ŝakturniro*. Esperanto ŝajnas esti afero tute flanka. Adreso por anonci sin kiel ŝakludanto estis publikigata, ne tiu por Esperantisto. Tamen nun post la kongreso aperis laŭdinda raporto, kiun vi trovas ĉisube.

La urbo donis al multaj tro multe da distro. La laborkunsidoj, kvankam tre interesaj, ne estis konvene vizitataj. Bedaŭrinda indiferenteco. Kongresoj ne nur estas distraĵoj. Nian dankon meritas la gegastigantoj. Hejmen reveninte oni raportas kaj rajtas laŭdi. Samideanoj kaj kolegoj estas scivolaj; pri urbo kaj kongreso ili volas aŭdi. Oni miras pri la nombro da kongresanoj kaj la reprezentitaj nacioj. La interkonsenton kiu regis, oni ne jam komprenas. *Ĉu vere kolegoj en la invitinta lando akceptis vin en siaj familiaj rondoj kaj gastigis vin vespere?* Fiere mi rajtas aserti tion, kaj la aliaj gapas. Ĉu ili konsederas studadon?

Jos. Waldmann.

## KOMENTO DE LA REDAKTORO

Volonte ni enpresigas la laŭdajn vortojn, esprimitajn en ambaŭ leteroj; la L.K.K. plene miritas tion.

Ni komprenas la plendon de kolego Waldmann pri la nesufiĉa atento flanke de la sindikatoj por nia laboro. Tamen dank' al la obstina agado de niaj aktivuloj, ni konstatis jam kontentigan progreson tiurilate. Tial niaj anoj daŭre uzu sian influon en la sindikatoj. Ankaŭ ĉi tie validas: *Eĉ guto malgranda, konstante frapante......*

La plendon pri la vizito al niaj laborkunsidoj ni ne plene substrekas. Kontraŭe, la estraro estis kontenta, ne nur pri la nombro da vizitantoj, sed ankaŭ pri la nivelo de la debatoj. Ni ne neglektu la fakton, ke konsiderindan parton de la kongresanoj formas la edzinoj, kiuj plej ofte ne interesiĝas pri la kunvenoj.

Tute laŭ nia koro estas la punkto 3a en la letero de nia aktiva amiko Parry. Ĝuste tial ni malrekomendas la sugeston, esprimitan en la punkto Ia, por ke ne formiĝu en kunvenoj kaj ekskursoj grupoj da samlandanoj.
Tiuj grupetoj ja inklinas uzi la nacian lingvon, kaj ne profitas la ĉiujaran okazon spertiĝi praktike.

## LA VERDA STANDARDO ALTE FLIRTAS EN TARRASA!

*La 12a Hispana Kongreso apartenas al la historio! La revata deziro de la hispanaj esperantistoj, sin elmontri publike, post longa dekkvinjara pacienco, ĵus efektiviĝis laŭ maniero tiel bela, ke oni rajtas supozi, ĉu la deviga paŭzo ne taŭ-

gis almenaŭ por akiri spertojn kaj instruojn. Ĉio glate funkciis, ĉio kontentige aspektis, ĉiuj aranĝoj perfekte disvoviĝis, ĉiuj punktoj de la programo akurate sinsekvis, kaj ĉiuj kongresanoj, senescepte, ĝojis kaj amuziĝis, babilis aŭ konversaciis - kiel ankoraŭ ne multe ĝis nun - en la kara lingvo internacia, kiu montris sian vivantecon ĉe la oreloj de miloj kaj miloj da neesperantistoj el Barcelono kaj Tarrasa, kiuj en aktiva rilato kun nia granda festo, aŭ en scivola atentado al ĝia parado, afable nin salutis, gasteme nin akceptis, kaj oportune nin helpis.*

Tiel oni ĝojkrias en speciala kongresa numero de *BOLETIN*, la organo de la Hispana Esperanta Federacio.

Ni, fervojistaj esperantistoj korege salutas niajn hispanajn samideanojn. Ni treege ĝojas ke fine, post tiom da jaroj ili trovis okazon publike montri sian idealon kaj propagandi por ĝi. Ĉi tiu kongreso estu la signalo por la reaktivigo de la tuta hispana esperantistaro. Image ni jam ĝuas ĝian sekvontan kongreson en Valencia, kie ni antaŭ jaroj renkontis tiom da bonaj amikoj.

Espereble IFEF nun baldaŭ havos la longe deziratan okazon propagandi en Hispanio, por ke ankaŭ la hispanaj fervojistoj trovu la vojon al nia Internacio de Fervojistaj Esperantistoj.

## LA 4a IFEF KONGRESO

Provizora kongresprogramo.

**Dimanĉe la 25/5:** Je la 15a h, estrarkunveno, je la 19a Interkonatiĝa vespero.
**Lunde la 26/5:** Je la 9a kunsido de la terminara komitato. Je la 15a, estrarkunveno. Vespere je la 20a Solena malfermo de la 4a IFEF-Kongreso.
**Marde la 27/5:** Je la 10a vizito al riparejo kaj fakprelegoj.
Se eble posttagmeze la 1a laborkunsido.
**Merkrede la 28/5:** Laborkunsidoj.
**Jaŭde la 29/5:** Tuttaga ekskurso sur la lago Konstanca.
**Vendrede la 30/5:** Postkongresa ekskurso.

## KIU HELPAS?

En *Esperantista Revuo* de la 15/9 1951 eldonata en Ĉeĥoslovaka Respubliko ni legis la jenan artikolon:

Tria kongreso de Internacia Federacio de Esp-istaj Fervojistoj ( IFEF ) en Parizo la 16-20an de Majo kunvenigis 400 fervojistojn el 11 landoj. La nombro da kongresanoj estas impona pro ĝi mem, precipe se oni memoras, ke temas pri kongreso tre faka. S-ro Mollion, prezidanto de Unuiĝo Arta kaj Intelekta de la Francaj fervojistoj, alportis al la kongresanoj saluton de 50.000 francaj fervojistoj grupigitaj en tiu ĉi organizaĵo. La inaŭguran kunsidon ĉeestis s-ro Barthelmes, kiu salutis la kongreson nome de SAT kaj Dr-o Ivo Lapenna en nomo de UEA.
La plej grava tasko de la kongreso estis diskutadoj pri eblecoj publikigi teknikan kaj profesian terminaron por fervojistoj. La terminara komitato elektita la lastan jaron en Salzburgo konigis la staton de siaj laboroj. Nun ĝi zorgas pri traduko de nomenklaturo de la fervojaj veturiloj en iliaj partoj esencaj kaj akcesoraj. La fakeco, kiu estas videbla el raportoj pri tiu ĉi kongreso meritas apartan laŭdon. (Laŭ Franca Esp-isto)
Se iu timas, ke nuntempe nia movado stagnas, tiaj kunvenoj kiaj tiuj ĉi konvinkas, ke la timo estas senkauza.

**Subskribo de la sekretario:** Kun sincera ĝojo ni legis la unuan artikolon pri nia organizo IFEF en organo de unu el la orientaj landoj. Senprokraste ni turnis nin al la Redakcio de la suprenomita organo per dankletero. En la 10 a numero de tiu Revuo la Redakcio publikiĝos alvokon al la ĉeĥoslovakaj fervojistoj aliĝi al IFEF. La nunaj cirkonstancoj en la mondo tamen ne permesas al la ĉeĥoslovakaj kolegoj transigi la laŭregularan kotizon al IFEF. Tiu ĉi malagrabla afero estas solvebla, se sufiĉe da gekolegoj en la okcidentaj landoj estu pretaj montri sian solidarecon per adopto de unu aŭ du ĉeĥoslovakaj kolegoj. Se necese ni klopodos interkonsenti kun la tieaj kolegoj repagi la sumeton en pli bonaj tempoj. Tiuj, kiuj eventuale estas pretaj adopti kolegon el ĉeĥoslovakio kaj pagi por li la jarkotizon de 3 Internaciaj Respondkuponoj, sin anoncu al la sekr. de IFEF.

## POR la RADIOAŬSKULTANTOJ

Radio Roma, 56 Via Veneto, ROMO, elsendas ĉiun merkredon kaj ĉiun vendredon de la 18.30 - 18.50 a horo radioprogramon en Esperanto.

| Mallongaj ondoj: | | |
|---|---|---|
| 25.40 = | kc/s | 11.810 |
| 31.35 = | - | 9.575 |
| 49.92 = | - | 6.010 |

Sendu respondon pri bona akcepto al ĉisupra adreso.

## IFEF KAJ ILEPTT

En plena harmonio nia tria kongreso pritraktis niajn interrilatojn kun ILEPTT. Unuanime oni rifuzis ĉu aniĝon de IFEF al ILEPTT, ĉu ĉiun kontrakton de kunlaboro. Kompreneble tio ne signifas iun malamikan geston al ILEPTT; nur esprimiĝis tute klare la fidelo al nia federacio, kaj la deziro teni ĝin memstara kaj sendependa. Kiel tia, ni deziras amike kaj harmonie kunlabori kun ILEPTT kiam koincidas la interesoj de ambaŭ organizoj.
Al tiuj el niaj anoj, kiuj deziras aboni apud nia BULTENO alian organon internacian, ni rekomendas LA INTERLIGILO de ILEPTT. Senpaga specimeno estas havebla ĉe 46 Rue Lamartine, Paris IX.

## EL LA GAZETARO

En *Sennaciulo* de julio aperis sub la rubriko *Memornoto* artikolo pri la okazinta 3a IFEF-kongreso en Parizo. La cititaj nombroj pri partopreno al la kongreso kaj tiu de la Unuiĝo Art-intelekta (45000 membroj), kies prezidanto, sinjoro Mollion, en sia salutparolado substrekis la neceson de Esp. por la intelektaj interŝanĝoj, pruvas kiom gravan terenon la fervojistoj prilaboras por la bono de nia ĝenerala Esperanto-movado.
La redakcion ni tutkore dankas pro la enpresigita artikolo.

En la Svisaj Sindikataj gazetoj *Le Cheminot* kaj *Der Eisenbahner* aperis detalaj artikoloj pri nia 3a IFEF-kongreso en Parizo.
Tre agrable trafis nin la enpresigo de tiom longa artikolo en ambaŭ sindikataj organoj, kio sendube donis al la verkinto, nia kolego H.Bipp, plenan kontentigon. En ambaŭ organoj la artikolo postulas du kolonojn kaj niaflanke ni dankas la redakciojn pro la komplezo enpresigi klaran raporton pri nia kongreso.

En la Germana Sindikata gazeto *Der Deutsche Eisenbahner* aperis propagandcela artikolo pri nia 3a kongreso sub la titolo *Fervojistoj el dekunu nacioj en Parizo*. La subskribinto estas E.R.E. kaj ni gratulas la verkinton pro la grava sukceso. En la oficiala organo de la germanaj faklernejoj *Der Eisenbahnfachman* oni enpresigis artikolon, kiu atentigas pri la ekzistado de IFEF. En la sama artikolo oni presigis la tekston kaj muziknotojn de la *Fervojista Kanto*.

En la jenaj organoj aperis artikoloj pri nia 3a IFEF-kongreso en Parizo: Arts & Tourisme Cheminots, Heroldo.La Praktiko, Franca Esperantisto kaj L'Essor de L'Esperanto.

En la nederlanda gazetaro ni legis, ke dum la unuaj sep monatoj de la nuna jaro oni en India kaptis 5 milionojn da homoj, kiuj pervagonare vojaĝis sen biletoj. Vere, la tieaj konduktoroj havas tre malfacilan taskon.

### La Itala IFEF-rondo eldonis la unuan Informbultenon.

La Itala IFEF-rondo (A.I.F.E.) surprizis nin per alsendo de la Ia informbulteno. Kvankam tiu bulteno ankoraŭ estas modesta kaj konsistas el ambaŭflanke presita folio, ĝia apero tamen atestas pri la fera volo de niaj italaj kolegoj pligrandigi nian aferon en Italio.
La prezidanto de A.I.F.E. verkis la enkondukan artikolon kaj tiuj, kiuj aŭdis sinjoron D-ron Mario Spadafora dum la salutparolado en nia kongreso, povas esti certaj, ke li kun la same arda entuziasmo komencis la propagandadon en Italio laŭ la promeso en la kongreso.
Multan sukceson ni deziras al nia juna sekcio de IFEF!

### IFEF-KUNVENO EN STOKHOLMO

Laŭ instigo de kolego Olsen ni aranĝis fakkunvenon dum la SAT-kongreso en Stokholmo, kun la celo fondi IFEF-rondon en Svedio. Kolego Kouwen el Rotterdam raportas pri tio:

La tasko, fondi IFEF-rondon en Svedio estas tre malfacila. Nur malmultaj svedaj kamaradoj ĉeestis la kunvenon.
Kolego E.Schaafsma el Amsterdam argumentis por IFEF-grupo en Svedio, por ke ankaŭ la svedaj fervojistoj havu firman kontakton kun siaj kolegoj en la tuta mondo. Ŝajnas tamen, ke mankas la reciproka kontakto inter la svedaj fervojistoj esperantistaj, tiel ke neniu anoncis sin por la pionira laboro.
Fine kolego Erikson el Stokholmo promesis serĉi la ĝustajn kamaradojn, pretajn propagandi por IFEF.
Espereble li baldaŭ sukcesos en tio.

### Atentigo de la IFEF-Sekretario.

**La sekretarioj el tiuj landoj, kiuj ne ankoraŭ resendis la membroliston kun la rimarkigoj, estas afable petataj tion fari antaŭ la 1an de Decembro.**

### KORESPONDPETO

Kolego Giacomo Rose, Via Tors.Lorenzo 10 Triest, Italio, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn.

### GEEDZIĜO

En Anglio nia kolego Johs. S.Millie edziĝis. Atendiginda estas la fakto, ke lia edzino estas ĉeĥa esperantistino.
Ni deziras al la junaj geedzoj longan kaj feliĉan vivon.